# PENSEO

N-ro 259

majo / 2013

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 24-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Vejdo (Ĉinujo)



### Ni staru kun vi, gefratoj!

okaze de la granda tertremo en Ya'an*

Eble estis vi survoje al labor',
eble kuŝis vi ankoraŭ en la lit',
eble matenmanĝis vi kun apetit',
eble sidis vi en dom' kun gaja kor',

forte l' tero skuiĝadis en ĉi hor',
montoj brue krevis jen per roka glit',
falis muroj kaj tegmento kun krepit',
sonis orelpika konfuza rumor'.

Trafis vin subite la granda tertrem',
kaj vi jam baraktis jen en agoni'.
Ne timu, gefratoj, sen timema ĝem'.

Sukurantoj kuras jam kun energi'
al vi por vin liberigi el dilem'.
Firme staru ni l' ĉina popol' kun vi!

21-04-2013

*Ya'an situas en la okcidenta parto de Sichuan-provinco, Ĉinio. En la 19-a de aprilo, 2013, tie okazis 7-magnituda tertremo.*




## Anteo (Ĉinujo)



apenaŭ la masto ŝveligas la velon,
reŭmatismo la artikon tordas
ŝtormo kaŭras ekster la pordo ovrita.
abortas acerbaĵo en hidrocefalon.



### Mistrafo

sorĉite de aero, knabinoj ostecaj
gustumemas nokte ĉielarkon senkoloran.
zonante la stomakon kaj ovujon, ili
nutras
koton kaj ŝtonon per sia graso.



### Olimpiaj ludoj

nudigante popolanojn,
la registaro sub la flago luksigas ĉevalojn.
en la krono de mamono la vizaĝo tromuskola
kovras milionojn da skeletoj.
la pesilo kuŝas sur la grasaj langoj;
misoj kreitaj de nobeloj estas trafoj ormedalaj.

la punkto kiel la suno
ne retuŝeblas katenante piedojn senŝuajn.



## Mikaelo Bronsxtejn (Rusio)



### En arbaro

Denove l'vintrego min kaptis
arbare.
La nokta blizardo finkantis,
kaj klare
lavitas la bluo ĉiela
matena.
Spirad' mia hasta, anhela –
promena
karesas la pinglojn abiajn
vapore,
permesas revetojn senkriajn
pri l'fore
vaganta printempo ĉijara,
sed mutas
la densa, frostega aero...
Larmeton de la konifero
lanugo de l' neĝo
forglutas.



## Dimitrije Janicic (Serbio)



### NE CEDU LA REVOJ

Eĉ kiam ĉio iras inverse,
eĉ kiam vin duboj tuŝas per flugilo,
eĉ kiam ĉiuj diras ke ne estas tiel,
eĉ kiam vin premas brutala forto…
**Ne cedu de viaj revoj!**

Se ĉiuj forĵetas vian decidon
se vin dronigas rivero de l' vivo
se vin trompas brilo de fremda okulo
se vin nur silento atendas…
**Ne cedu de viaj revoj!**

Kiam jaroj fajrigas vian belecon,
kiam forgeso nebuligas vian ĉielon
kiam alvenos vi al la lasta Golgoto
kiam vi iĝos nur ombro de vi antaŭa...
**Ne cedu de viaj revoj!**

Eble alvenas tranĉilo soifanta vian
sangon,
eble antaŭsentas vi nigran plektaĵon de
nokto,
eble nenie vi estos la unua
eble nenion plu vi povos…
**Tamen, ne cedu de viaj revoj!**



## Leieladonna (Meksikio)



### Semo

Semo iam venis...
por resti...

naturo kaj artifiko farante...
varmo en la ĉielo...
pluviĝis...
kaj akvo fariĝis magio
kaj vivo aperis kaj evoluis kaj ekde tiam...
vivo floras...
vivo kaj koloroj plurigis;
buntaj vivantaj formoj aperis:



verdo kaj ruĝo...

bluo kaj rozo...

kaj kiel senĉesa espero...

viol-kolora flamo...

Scivolemo kaj intelekto...
Amo kaj malamo,
tenero kaj kruelo...
kreskis...

Mallumo kaj lumo luktis...
dum jarmiloj...
sed ankoraŭ mallumo reĝas...

evidentoj multaj estas
el jarcentoj kaj jarmiloj
kiuj krias al ni ke ni vidos
per la tutaj sentoj
kaj eksteren kaj internen...
skeptike, per la cerbo...!
sed ĉiam kun malferma menso
ĉar eĉ tio ne videble...

eblas...

vidi la ĉirkaŭon...
proksime, diste...
kaj krei... lerni kaj ludi krei...
ĉar pro tio ni evoluas...
ĉiumaniere lerni kaj evolui...
ĉiuloke evolui...
mense kaj anime,
en naturo harmonie...
ekde ĉiam kaj eterne...

evoluante...

rigardante la kosmon kaj la mikrokosmon;
steloj... galaksioj... leĝoj...
atomoj... ĉeloj... histoj...
biosfero...

semo restas...
semo ekzistas...

Tra ra ra...!

Scienco kaj teknologio...
bioteknologio... genetikaj kodoj...
mono... armiloj... detruo...
ĉu evoluo ?

Tra ra ra...! tra ra ra...!

Dum kreskas eterna demando pri estonteco...
semo kreskas... vivo daŭras...
la semo subtenas la vivon...
la semo subtenas la esperon...

Dirlididi...! Tra ra ra...!
09/02/2013



## Mori (Usono)



### Por esti feliĉa

Por esti feliĉa ĉiam infane ridu
ĉiam belan flankon de la medalo vidu
pensu pri la homoj pli malfeliĉaj ol vi
kaj kun dankema koro vian vivon prezidu!

### Kiam vin kaptas sentoj de despero

Kiam vin kaptas sentoj de despero
pro mankoj de feliĉo kaj prospero,
memoru ke dum plej nigraj momentoj
ekmalfermiĝas burĝeno de floro!



## Cezar (Germanujo)



Iu pala
kaj fatala
en malhelo
de realo

ie fias
kaj eĉ krias
por admono
sen bezono.
Ĉu ebrias
eĉ jam Suno?
Sonas krio,
tremas Luno?



## Petro Palivoda (Ukrainio)

### Kontrastoj

oni diras
ke kontrastoj
interaltiriĝas
ĉu mi estas
tia nulaĵo



### Lingvoscienco

mi volus lerni
lingvon de animaloj kaj birdoj
de vento pluvo kaj suno
kaj paroli kun ili
ĉar ili scias ĉion
sed mi ilin ne komprenas kaj silentas
kaj ne povante ŝanĝi la staton
mi parolas kun homoj
ili scias nenion
sed mi diras kaj aŭskultas
kaj ne povante ŝanĝi la staton
mi revas pri lerno de lingvo
de animaloj kaj birdoj
de vento pluvo kaj suno



## Paŭlo Silas (Brazilo)



### DOLĈA EN LA BUŜO, MALDOLĈA EN LA ESTONTECO

Absintogustaj rezonadoj kaŝglitas.
Fatalaj langoj ĉion juĝas konklude.
Dolĉecaj ecoj al maldec' alrapidas.
Miel' en galo dissolviĝas entute.

Insekt' en murofend', estaĵ' tropika,
Ekzemplas, kia dolĉo nin atendas.
Suĉad' dumnokta pro bestec' instinkta.
Maldolĉ' eterna tion malatentas.

Tripanosom' en sukerkana trinkaĵo.
Mortiga tiklo pikas gustosenton.
Elekti inter teni sin en saĝo,

En zorga prav', en ĝusta lok' racia;
Aŭ cedi, ĝui provizoran tenton;
Kaj, tamen, perdi frue vivon sian.

## Siv Burell (Svedio)



### Via sorto estas justa

Via sorto estas justa
vi mem elektis –
elektis la nivelon,
la universitaton aŭ la bazlernejon.
Akceptu
kun ĝojo!
La amara
eble estis
ekzameno.



### Ĉu oni rajtas esti si mem?

Ĉu oni agu laŭ sia vol',
ne devi afektite rideti
por mi la bonmaniera parol'
ŝajnas false preteti.

Eble oni foje ofendas
bonkoran invitemulon,
sed laŭtempe respektendas
ĉiun honestulon.

Oni ne povas regi ĉion
vi devas kompreni
sed silente aŭskulti alion
ebligas sciecon preni.

## Wang Baoliang (Ĉinujo)

### En la Ŝoforkupeo

Post kiam griza nebulo malaperis, la suno brile lumis. En la ŝoforkupeo, Zhou Jian rigardis sian kuzinon, kaj ju pli li rigardis, des pli bela ŝi aspektis, eĉ multe pli bela ol lia fianĉino.

“Kian aĝon vi havas, franjo?” demandis Zhou Jian, ĵetinte straban ekrigardon al ŝi.

“Jam 19-jara. Kial vi demandas pri tio, fraĉjo?”

“Ĉu vi estas enamiĝanta?”

“Ankoraŭ ne. Kial vi faras tian demandon, fraĉjo?”

“Enamiĝo estas plezura. Kiel interese…!” Li ĵetis alian oblikvan rigardon al ŝi, kies vizaĝo jam ruĝiĝis pro honto.

“Pli bone stiru zorgeme, fraĉjo! Jen tiom da veturiloj kuras sur la vojo.”

“Ne maltankviliĝu! Ekde la 16-jara aĝo, mi komencis veturigi kamionon, kaj mi havas la sperton de pli ol dek jaroj.”

.....

"Pro kio mi ne kapablas min movi?" Li iom rulis siajn okulojn. Antaŭ li staris nur liaj gepatroj kun la vizaĝo plenaj de larmoj.
Denove li volis sin movi, sed vane. Li sentis, kvazaŭ forte ĉirkaŭpremita de strikta armaĵo. Jes, li troviĝis en hospitalo.
"Kie ŝi estas?" Li aludis sian fianĉinon.
"Neniam ŝi venos … Jen, viaj gamboj jam estas amputitaj, nur unu mano restas kaj via vizaĝo… Ne plu pensu pri ŝi …"
Tam la pordo malfermiĝis. Ĉe ĝi aperis junulino, kiu ĝuste estis lia fianĉino…

*Elĉinigis*



**Anniespera (Ĉinujo)**

**Korektado**

En Penseo 258 troviĝas du eraroj: la aŭtoro de la poemo "Januara kanto" estas Jadraka Miric, sed ne Dimitrije Janiĉiĉ; post la poemo "Diamantaj pintoj" de Leieladonna sekvas alia mallonga poemo "Leieladonna", kiu jam aperis en Penseo 257 kaj devus esti forigita. Pro tio ni petas pardonon de la aŭtoroj.

la redakcio

## Jacques Prévert (1900–1977)



**Estas en Saint-Paul de Vence…**

*(eltiraĵo)*

…
Ho grizazeno ! mia amiko, mia similulo, mia frato
Kiel eble dirintus Beaudelaire se
Li estus kiel mi ŝatinta la grizajn azenojn
Mi pliafoje uzis cin, mi cin kuŝigis ĉi tien sur la paperon
Tio ne estas por ke ci ripozu
Ne, mi kuŝigis cin tien, por ke ci utilu al mi, por ke ci utilu kiel komparon
….
Ĝi estas tie
Laboristo pigra kuraĝa kaj ĝoja
Kaj pli ridigula ol iu ajn
Kaj malgaja kiel la mondo, kiu igas la aznimojn malgajajn
Kaj tiel noblanima –la-, ke neniam, neniamege,
ĉu vi bone aŭdis gesinjoroj ?
Kaj eĉ se vi ellitiĝos nokte por lin spioni, neniam
Neniamege neniu el inter vi neniam povos fanfaroni pri
Esti vidinta lin rikananta, minancanta,
Humiliganta, triumfanta, surkapigi per homĉapo
La kapojn de siaj infanoj.

*Esperantigis*



**Roland Platteau (Francujo)**



# Ĉineske

**Vejdo (Ĉinujo)**

## Por nia sekureco

Funebre pri la viktimoj en bombadoj en Bostono

—laŭ ĉinesko Shengshengman*

Krioj kaj plor'
super Boston'
vibradis en horor'.
Jen eksplodis bomboj,
griza kolor'

de fumo
alt-pendis.
Fatala hor’
tragika
profunde
skribiĝis en memor’.

Multaj kun bona kor’
mortfalis
en la dram’ de dolor’.
La tragedi’
vundis per larĝa vor’
multajn senkulpulojn.
Ve, damne!
Ni ja en ĥor’
elpelu
fiajn teroristojn for!

17-04-2013

## Cindy Mckee (Usono)



### Sekuro estas komuniko

—laŭ ĉinesko Shengshengman*

Nia sekur'
kostas multon.
Nia nuna tortur'
estas enŝlosiĝo
malantaŭ mur'.
Mi ne kaŭros tie
viŝante
je posta spur'.
Ni pelu
teruron
for de ĉiu kultur'.

Estu nia futur'
ke mildo
iĝas nia natur'
kaj frateco
moro tute matur'.
La forpelo eble
ekzistas
en la murmur'
amika,
nia komuniko nur!



**Shengshengman (Lanta sontreniĝo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 11 kaj 10 versoj respektive de 4,46,64,634,336 / 6,36,46,634,37 silaboj, laŭ rimarанĝo a,xa,xa,xxa,xxa / a,xa,xa,xxa,xa (x = senrima)*

## Vejdo (Ĉinujo)

### Brave, Jadranka!

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Jadranka,
vi faris prave
l’ unuan ĉineskaĵon
metrike kaj enhave
verkitan, brave!

Vi amas
arde kun sincer’
la patrujon elkore.
Ŝiaj kulturo kaj ter’
jen via esper’.

Ha, plue
verku, Jadranka,
pri sentoj, travivaĵoj
per ĉinesko multflanka
por spert’ nemanka.



**Jadranka Miric (Serbio) verkis kvini strofojn per ĉinesko Sopir-al-sudo. Tio estas la unua provo por ŝi verki ĉineske. Mi verkis ĉi tiujn strofojn por kuraĝigi ŝin.*

## Jadranka Miric (Serbio)



### AI PATRUJO

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Serba kant'
forto kaŝita.
Miljara historio
eterne prikantita.
Epos' skribita.

Vekrio
en decida hor'.
Ĉu feniksa savo nia
aŭ koto je serba kor'`
pro europa aŭror'.

Ruĝa flago
flirtas fiere.
Gloras flag' trikolora.
Lazuras fontoj vere.
Blankas mont-sfere..

Fervora
land' plurnacia,
laborista ag' povra,
evoluas movad' socia ,
kredo duonpia.

Ĉantaĝo!
Popol' malsana,
pro mizero ĉiutaga
pro korupto urbana.
Pro pereo vana!



**Sopir-al-sudo(ĉine:Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Yanke (Ĉinujo)

### Printempa pluvo

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

Briz'
karesas milde per kis'
la teron
kaŝitan en griz'.

Stri'
pluva dancas sur foli'
gracie
de blanka lili'.

Tik-
take ekas pluvlirik'
kvazaŭe
sone sub muzik'.

Flu'
pluva lirlas en sinu'
sur grundo
kun ronĝa detru'.

Pli
verdas herboj kun radi'
tagluma
skue en vari'.

Jen
juna paro en promen'
kveradas
en pluvo sen ĝen'.

Sur
lotusfloro restas nur
papili'
malseka sen kur'.

Voj'
akve kotiĝas ĉe roj',

infanoj
surtretas kun ĝoj'.

Blov'
friska en murmura mov'
ŝancelas
arbojn per puŝ-ŝov'.

Bel'
de la natura fabel'
sin montras
en pluva malhel'.



**Dekses-Silabo (ĉine: Shiliuziling): ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de 1, 7, 35 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa (x=senrima)*

## Maupassant (1850-1893)



## HOROREGA

Milde kaj malrapide noktiĝis.

La virinoj restadis en la salono de la somerdomo. La viroj, cirkle sidantaj aŭ rajdantaj sur la seĝoj de la ĝardeno, fumis antaŭ la pordo ĉirkaŭ ronda tablo garnita per tasoj kaj glasetoj.

Iliaj cigaroj, kiel okuloj, brilis en la ombro, kiu densiĝis minuton post minuto. Oni ĵus rakontis malbelegan akcidenton, kiu okazis antaŭtage, kontraŭe: du viroj kaj tri virinoj dronis antaŭ la okuloj de la gastoj.

La generalo de G... prononcis:

− Jes, tiuj okazaĵoj estas emociplenaj, sed ili ne estas hororegaj.

Hororega, tiu malnova vorto, volas diri multe pli ol terurega. Terurega akcidento, kiel tiu ĉi, kortuŝas, emociegas, konsternegas: ĝi ne frenezigas. Por ke ni spertas la hororegon, necesas pli ol la animemocio, kaj pli ol la spektaklo de malbelega morto, necesas aŭ tremeto da mistero, aŭ sento de nenormala, eksternatura timego. Homo kiu mortas, eĉ en la plej dramaj kondiĉoj, ne hororigas, batalkampo ne estas horora, la sango ne estas horora; la krimoj la plej aĉaj estas malofte hororaj.

Nu! jen du personaj ekzemploj, kiuj komprenigis al mi tion, kion oni povas kompreni per Hororega.

Tio okazis dum la milito de 1870. Ni retiriĝis al Pont-Audemer, post trapasinte Ruenon. La armeo, ĉirkaŭ dudek mil homoj, dudek mil viroj disvenkiĝantaj, disbandiĝantaj, demoralizataj, senfortaj iris liberigi sin al Havro.

La grundo estis kovrita de neĝo. Noktiĝis. De antaŭtage nenion ni manĝis. Ni rapide fuĝis, ĉar la Prusoj ne estis malproksime.

La tuta normanda kamparo, livida, makulita de la ombroj de la arboj, kiuj ĉirkaŭis la farmbienojn, kuŝiĝis sub nigra, peza kaj sinistra ĉielo.

En la senbrila krepuska lumeto, ni aŭdis nur konfuzan, molan kaj tamen supermezuran bruon de marŝanta grego, senfinan piedfrapadon, miksatan al malpreciza klaktintado de gameloj aŭ sabroj. La viroj, kurbiĝantaj, volbiĝantaj, malpuraj, ofte eĉ vestaĉiĝantaj sin trenis, hastis en la neĝo, per longa trolacigata paŝo.

La haŭto de la manoj algluis al la ŝtalo de la kolboj, ĉar tiun nokton terure frostis. Ofte mi vidis malgrandan nacian gardiston demetis siajn ŝuojn por nudpiede paŝi, tiom li suferis en siaj ŝuoj; kaj li lasis en ĉiu paŝospuro makulon de sango. Kaj, post kelka tempo, li sidiĝis en kampon por ripozi dum kelkaj minutoj, kaj li ne plu stariĝis. Ĉiu sidanta viro estis mortonta viro.

Kiom de viroj ni forlasis malantaŭ ni, el tiuj kompatindaj trolacegaj soldatoj, kiuj ja intencis reforiri post momento, tuj kiam ili estus iom mallacigintaj siajn rigidiĝantajn gambojn! Nu apenaŭ, ili ĉesis moviĝi, ĉesis cirkuligi en sia frosta karno, sian preskaŭ inertan sangon, tiam nevenkebla frostiĝo rigidigis ilin, najlis ilin surtere, fermis iliajn okulojn, tuj paralizis tiun trostreĉitan homan meĥanikon. Kaj ili sinkis iom, kun la frunto sur la genuoj, tamen ne falante komplete, ĉar iliaj renoj kaj iliaj membroj fariĝis senmovaj, malmolaj kiel ligno, neeblaj fleksigi aŭ restarigi ilin.

Kaj ni, pli fortikaj, ĉiam ni iris, glaciigataj ĝis la medoloj, antaŭenirante per movforto donata, en tiu nokto, en tiu neĝo, en tiu malvarma kaj morta kamparo, humiligataj pro aflikto, de la malvenko, de la malespero, precipe premataj de la abomeninda sento de la forlaso, la fino, la morto, la nenieco.

Mi ekvidis du ĝendarmojn, kiuj tenis per la brako bizaran malgrandan viron, maljunan, senbarban, kies aspekto estis vere miriga.

Kredante, ke ili ekkaptis spionon, ili serĉis oficiron.

La vorto "spiono" tuj trakuris meze de la postrestantoj, kaj ili faris rondon ĉirkaŭ la kaptito. Voĉo kriis: "Ni mortpafu lin!" Kaj ĉiuj tiuj soldatoj, kiuj falis pro ellaciĝo, staradante nur ĉar ili apogis sin sur siaj pafiloj, subite ekkolortremis de tiu furioza kaj besta kolero, kiu instigas la popolamasojn al la masakro.

Mi volis paroli; tiam mi estis batalionestro; sed ili ne plu rekonis la ĉefojn, ili mortpafus min mem.

Unu el la ĝendarmoj diris al mi:

− Jen de tri tagoj, ke li sekvas nin. Li demandas al ĉiuj informojn pri la artilerio."

Mi provis pridemandi tiun estulon:

− "Kion vi faras? Kion vi volas? Kial vi akompanas la milistaron?"

Li balbutis kelkajn vortojn en nekomprenebla vilaĝa dialekto.

Li estis vere stranga ulo, kun la ŝultroj mallarĝaj, la rigardo insidema, kaj tiom maltrankvila antaŭ mi, ke vere mi ne plu dubis, ke temis pri spiono. Li ŝajnis tre maljuna kaj malforta. Li subrigardis al mi, kun humila, stulta kaj ruza mieno.

La viroj ĉirkaŭ ni kriis:

− "Ĉe la muro! Ĉe la muro!"

Mi diris al la ĝendarmoj:

− "Vi respondas pri la kaptito, ĉu?..."

Mi ne ankoraŭ finis paroli, ke terura puŝo faligis min, kaj mi vidis, fulmrapide, la viron ekkaptata de la soldatoj furiozaj, teren faligata, frapata, trenata ĉe la vojflanko, kaj ĵetata kontraŭ arbo. Li falis preskaŭ jam mortinta, en la neĝon.

Kaj tuj ili mortpafis lin. La soldatoj pafis lin, reŝargis siajn armilojn, denove pafis kun furiozo de brutuloj. Ili interbatalis por havi sian vicon, defilis antaŭ la kadavro, kaj ĉiam pafis ĝin, kiel ni defilas antaŭ ĉerko por ĵeti benitan akvon.

Sed subite krio eligis:

− La Prusoj! La Prusoj!"

Kaj mi aŭdis, tra la tuta horizonto, la senliman obtuzan murmuron de la freneza armeo, kiu kuris.

La paniko, naskiĝinta de tiuj pafoj sur tiu vagulo, frenezigis la ekzekutistojn mem, kiuj, ne komprenis ke la timego venis de ili, forkuris kaj malaperis en la ombron.

Mi restis sola antaŭ la korpo kun la du ĝendarmoj, kiujn ilia devo restigis apud mi.

Ili levis tiun dispremitan, disbatitan kaj sangan karnon.

"Necesas traserĉi lin", mi diris al ili.

Kaj mi prezentis skatolon de kandeloj-alumetoj, kiun mi havis en mia poŝo. Unu el la soldatoj lumigis la alian. Mi staris inter ambaŭ.

La ĝendarmo, kiu manipulis la korpon deklaris:

− "Vestita per blua kitelo, blanka ĉemizo, pantalono kaj ŝuoj."

La unua alumeto estingiĝis; ni ekflamigis la duan. La ĝendarmo daŭrigis, elturnante la poŝojn:

− "Unu poŝtranĉilo kun korntenilo, unu kvadratita poŝtuko, unu tabakujo, unu stumpo de ŝnureto, unu peco da pano."

La dua alumeto estingiĝis. Ni ekflamigis la trian. La ĝendarmo post longtempe palpis la kadavron deklaris:

− "Estas la tuto."

Mi diris:

− "Senvestigu lin. Eble ni trovos ion kontraŭ la haŭto."

Kaj, por ke la du ĝendarmoj povu agi samtempe, mi eklumigis ilin. Mi vidis ilin dank'al la nedaŭra lumeto de la alumeto, kiu rapide estingiĝis, demeti la vestojn unu post unu, nudigi tiun sangan pakon de senviva karno ankoraŭ varma.

Kaj subite unu el ili balbutis:

− "Nomo el la nomoj, mia komandanto, estas virino!"

Mi ne scius diri al vi kian strangan kaj korpreman sensacion de angoro premegis mian koron. Mi ne povis kredi tion, kaj mi surgenuiĝis en la neĝon, antaŭ tiu senforma homa kaĉo, por vidi: ja estis virino!

La du ĝendarmoj, tute konfuzataj kaj demoralizataj atendis, ke mi esprimu opinion.

Sed mi ne sciis kion pensi, kion supozi.

Tiam la brigadisto malrapide prononcis:

− "Eble ŝi venis serĉi sian infanon, kiu estis artileria soldato, kaj kies ŝi ne havis novaĵojn."

Kaj la alia respondis:

− Eble post tio, jes… temis pri tio!

Kaj mi, kiu vidis aferojn ja terurajn, mi ekploris. Kaj mi sentis, vidalvide al tiu mortintino, en tiu frosta nokto, meze de tiu nigra ebenaĵo, antaŭ tiu mistero, antaŭ tiu murdita nekonatulino, tion kio volas diri tiun vorton: "Hororego".

Nu, mi havis tiun saman senton, la lastan jaron, kiam mi pridemandis alĝerian tirajloron, unu el la postvivantoj de la misio Flatters*.

Vi konis la detalojn de tiu kruelega dramo. Tamen estas unu, kiun vi eble nesciis.

La kolonelo iris al Sudano tra la dezerto, kaj trapasis la vastegan teritorion de Tuaregoj, kiuj estas, en tiu tuta oceano de sablo, kiu etendiĝas de Atlantiko ĝis Egiptio, kaj de Sudano ĝis Alĝerio, specoj de piratoj kompareblaj al tiuj, kiuj rabis la marojn antaŭe.

La gvidistoj, kiuj kondukis la kolonon apartenis al la tribu Chaamba [***Ŝaañba***], de Ouargla [***Uargla***].

Nu, iam ili starigis la tendaron meze de la dezerto, la Araboj deklaris, ke la akvofonto estis ankoraŭ iom malproksime, kaj ili iris serĉi akvon kun ĉiuj kameloj.

Unu viro nur antaŭavertis la kolonelon, ke li estis perfidita: Flatters ne kredis lin, kaj akompanis la taĉmenton kun la inĝenieroj, la kuracistoj kaj preskaŭ ĉiuj siaj oficiroj.

Ili estis masakritaj ĉirkaŭ la fonto, kaj ĉiuj kameloj kaptitaj.

La kapitano de la araba oficejo de Ouargla, kiu estis restinta al la tendaro, prenis la komandon de la postvivantoj, spahioj kaj tirajloroj, kaj ili komencis la retreton, forlasinte la bagaĝojn kaj la proviantojn, pro manko de kameloj por porti ilin.

Ili do ekvojiris en tiu senfina kaj senombra soleco, sub la arda suno, kiu bruligis ilin de matene ĝis vespere.

Tribo venis por submetigi sin, kaj alportis daktilojn. Ili estis venetitaj. Preskaŭ ĉiuj Francoj mortis, kaj inter ili, la lasta oficiro.

Restis nur kelkaj spahioj, kies serĝento Pobéguin [***Pobegiñ***], kaj kelkaj indiĝenaj tirajloroj de la tribo Chaamba. Ili ankoraŭ havis du kamelojn. Ili malaperis dum iu nokto kun du Araboj.

Tiam la postvivantoj komprenis, ke baldaŭ necesos, ke ili intervoriĝos, kaj tuj kiam ili malkovris la fuĝon de la du viroj kun la du bestoj, tiuj kiuj restis, malproksimiĝis kaj ekmarŝis unu post la alia en la mola sablo, sub la akra flamo de la suno, restante je pli de pafila trafdistanco unu la alian.

Il antaŭeniris tiamaniere dum la tuta tago, levante de loko al loko, en la plata kaj varmega vasteco, tiujn malgrandajn polvkolonojn, kiuj elmontras de malproksime la marŝantojn en la dezerto.

Sed iun matenon, unu el la piedirantoj bruske oblikiris, alproksimiĝante de sia najbaro. Kaj ĉiuj haltis por rigardi.

La viro al kiu marŝis la malsatega soldato, ne forfuĝis, sed li surteren platiĝis, kaj pafcelis la alvenanton. Kiam, li kredis tiun ĉi je la bona distanco, li pafis. La alia ne estis trafita, kaj li daŭrigis antaŭentiri, poste siavice alŝultrigante, li nete mortigis sian kamaradon.

Tiam de la tuta horizonto, la aliaj alkuris por serĉi sian parton. Kaj tiu, kiu mortigis, dispecigante la mortinton, dispartitigis ĝin.

Kaj denove, tiuj nerepacigeblaj aliancanoj interspaciĝis, por ĝis la venonta murdo, realproksimiĝos.

Dum du tagoj ili vivis per tiu dispartigita homa karno. Poste la malsatego revenante, tiu kiu la unua murdis, denove mortigis. Kaj denove, kiel viandisto, li tranĉis la kadavron, kaj proponis ĝin al siaj akompanantoj, konservante nur sian porcion.

Kaj tiu retreto de hommanĝantoj tiamaniere daŭrigis.

La lasta Franco, Pobeguin, estis masakrita ĉe la rando de akvoputo, antaŭtage de la tago kiam la helptrupoj alvenis.

Ĉu vi komprenis nun, tion kion mi komprenas pri Hororega?

Jen tio, kion la generalo G… rakontis al ni, dum pasinta vespero.

*La 18an de majo 1884*

****La masakro de la misio Flatters** (el Vikipedio)*

*En 1879, la franca registaro decidis, pro ekonomiaj kaj politikaj motivoj, interrilatigi Alĝerion al la franca Sudano (nun Malio) per lineo de fervojo.*

*La 5an de marto 1880, unua skoldata ekspedicio de 39 personoj, komandita de la kolonelo Flatters, foriris de Ouargla. Ĝi suden iris, sed pro manko de proviantoj, kaj la minacoj de la loĝantaro, ĝi returniris. Flatters revenis al Ouargla la 17an de majo, ne komplete plenumante sian mision, sed realportante valorajn informojn. Malgraŭ la minacoj eldirintaj de la tradicia Tuarega ĉefo Ahitarel ag Mohamed Biska, kiu firme malkonsentas la irejon de armita roto sur sia teritorio, Flatters decidis reforiri.*

*La 4an de decembro, li revojiris al Saharo ĉe la kapo de dua ekspedicio de 97 homoj, kies 7 scienculoj kaj oficiroj, 2 suboficiroj, 2 servosoldatoj, 47 indiĝenaj tirajloroj, 31 Araboj de la triboj, 7 gvidistoj kaj la vilaĝestro de ordeno de la Tidjani. Ili foriras kun ĉirkaŭ 280 bestoj (kameloj, ĉevalojn, azenoj) kaj grava monsumo. Dum du monatoj, la kolono antaŭenriris sen grandaj malfacilaĵoj, sed ĝia irado haltis al Bir-el-Garama, ĉe la "puto de la neislamanoj", kie la kolonelo kaj preskaŭ ĉiuj membroj de la ekspedecio membroj estis masakritaj de la Tuaregoj.*

*Monumento, starigita en la Pariza parko Montsouris, memorfestas tiun eventon.*

*Esperantigis*

**Noĉjo Lagrafo (Francujo)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***

Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)

Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto, Chongqing, 400020, Ĉinio

Tel: (023) 67095890 (hejme)

Retadreso: vejdo@163.com

Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_